No 3 Bern, la 31-an de januaro 1939





# NI VOKAS VIN!



Oficiala Kongres-Gazeto
de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto
29-a Julio — 5-a Aŭgusto 1939 BERN — Svislando

Eldonanto kaj redakcio: Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 18 Telefono 3 72 37

## La jaro de la 31-a mondkongreso komencis

Ankoraŭ duona jaro disigas nin de la komenco de la 31-a mondkongreso en la bela malnova svisa urbo Bern. Tie, depost monatoj okupiĝas diligentaj manoj prepari la kongreson kaj aranĝi al la vizitantoj tiel koran akcepton kiel estas kutimo en Svisujo kies gastemo iĝis proverba. Bern kun ĝojo atendas la kongreson, ne nur la esperantistoj, sed la tuta urbo. Ĉar, en ĉi tiuj malnovaj muroj daŭre estis vigla la kredo pri la paca misio de la homo. Same vigle restis la konscienco ke homoj kaj nacioj ĉiam povas harmonii, se ili volas. Pro tio oni komprenas en Bern la sencon kaj signifon de Esperanto.

Ĝis la fino de la jaro pli ol 400 kongresanoj estis aliĝintaj. Bern nepre esperas ke tiu nombro ne nur duobliĝos sed triobliĝos. Ĉar, la Bernaj organizantoj faras volonte ĉion por igi la impreson de la 31-a universala esperanta kongreso neforgesebla. Ĝi ja okazos ne nur en lando de paco kaj komprenemo sed ankaŭ en lando kies belaĵoj en la mondo estas unikaj.

En ĉi tiuj tagoj komenciĝis sub la gvido de la konata sveda Cseh-instruisto Persson, komisiita de la Loka Kongresa Komitato, esperanta kurso al kiu aliĝis multnombraj gesinjoroj el privataj rondoj, el oficialaj instancoj, el hoteloj, restoracioj kaj magazenoj. En la gazetoj oni intense varbis por la kurso, same per anoncoj kaj afiŝoj, fine per aparta raporto en la radio, kie eksonis ne nur la esperanta himno sed kie oni ankaŭ atentigis pri la valoro de la kongreso kaj de Esperanto. Membroj de la Loka Kongreso Komitato krome kunlaboris en tiu radiodissendo per prezento de esperanta leciono. Krome s-ro Schmid, honora prezidanto de la LKK faras nombron da paroladoj pri Esperanto en la radio (Beromünster). — La kongresa sekretariaro pligrandiĝis de f-ino Rivollet, kiu jam oficis en Londono kiel kongresa sekretariino kaj nun eniris la servon de la berna LKK. La tuta prepara laboro estas energie antaŭenigita.

La programo de la kongreso ŝanĝiĝis iom en tio, ke la internacia kostumfesto devis esti fiksata jam al la 29-a de julio. Ni tre esperas ke estos eble al ĉiuj kongresanoj partopreni en tiu bela festo. La plifruigo de la dato estis necesa pro tio, ke la multnombraj svisaj kostumgrupoj ne estas disponeblaj la 30-an de julio. Aliflanke la LKK konsideras aparte valore, prezenti al la kongresanoj la variecon de la svisaj naciaj kostumoj, kaj de la svisa popola vivo. La LKK espere antaŭvidas ke la anoj de la diversaj en la kongreso reprezentataj landoj ankaŭ venos en naciaj kostumoj por kompletigi la belan, multekoloran bildon per la propraĵoj de siaj popoloj. Certe ni havos neforgeseblan belan feston.



Federacia Palaco. Sidejo de la svisa registaro. Centra parto: La Parlamentejo.

Konsiderante ke la tempo de la 31-a mondkongreso estos en la kutima ĉefsezono kaj la deziro pri loĝigo jam nun komencas fariĝi tre konsiderinda, estus avantaĝe, se la kongresanoj klopodus mendi siajn loĝejojn kiel eble plej baldaŭ. Ju pli frue ili mendas, despli bone ni povos loĝigi ilin je ĝenerala kontentigo.

La LKK cetere estas ĉiam preta por doni iujn eblajn informojn. Ĝi petas adresi kongreskorespondajojn ne al unuopa membro de la LKK, sed nur al la „31-a Universala Kongreso de Esperanto, Bern, Bundesgasse 18.“

H. B.

# XXXI-a Universala Kongreso de Esperanto

### Bern, 29-a julio — 5-a aŭgusto 1939

## Tria informilo

**Adreso por leteroj:** 31a Universala Kongreso de Esperanto, Bern.

**Kotizoj:** Ĝis 31. 3. 39 sv. fr. 25.—. Post 31. 3. 39 sv. fr. 30.—.

La edzo aŭ edzino de kongresano, same gejunuloj ne pli ol 20-jaroj pagas la duonon de tiuj ĉi sumoj.

Plej oportune vi pagas al nia poŝtĉeka konto III 11611, aŭ per monbiletoj aŭ al Volksbank Bern.

Pagejo por Britujo: BEA, 142, High Holborn, London W. C. 1.

Pagejo por Danujo: Dansk Esperanto Rejsebureau Jernbanegade 22, Nyköbing F.

Pagejo por Norvegujo: Turista komisio, Box 353, Stabekk.

Pagejo por Polujo: M. Chmielinski, ul. Krasinskiego 4, Torun.

Pagejo por Svedujo: Turista komisio, Tegelbaken, Stockholm.

**Aliĝiloj** estas haveblaj ĉe la kongresoficejo, ĉe la landaj asocioj ĉe la turistaj komisioj kaj ĉe la IEL centra oficejo.

**Blinduloj** kaj ties gvidantoj ricevos senpagajn kongreskartojn, ĝis la 31a de marto 1939. Post tiu dato ili pagos po 5 sv. fr. por esti kongresano. Ili devas sendi ateston ke ili estas blindaj, subskribita aŭ de IEL delegito, aŭ de Blindula Instituto, aŭ de kuracisto.

**Glumarkoj,** bona propagandilo, 100 pecoj kostas sv. fr. 1.20 aŭ 4 respondkuponojn.

**Donacoj** helpas sukcesigi la kongreson, la organiza komitato antaŭdankas al donacantoj.

**Blindula kaso,** helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton, la komitato danke akceptas donacojn por tiu kaso.

**Loĝado kaj manĝado,** vidu la favorajn aranĝojn sur paĝo 3 de nia gazeto „Ni vokas vin", n-ro 2.

**Fakaj kunvenoj,** organizontoj frutempe anoncu siajn dezirojn. Ĝis nun sin anoncis: Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtkaj Telegraf-oficistoj.
Internacia Scienca Asocio Esperantista.
Kristana Esperantista Ligo Internacia.
Turista fako de Nederlanda Esperanto-Asocio „L.E.E.N."
Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.

**Karavanoj:** Ni estas informitaj pri la jenaj karavanoj:
Britujo: BEA, 142, High Holborn, London W. C. 1.
Nederlando: J. Telling, Schietbaanlaan 106-a, Rotterdam-C.
Norvegujo: Turista komisio, Box 353, Stabekk.
Svedujo: Turista komisio, Tegelbaken, Stockholm.
Usono: George A. Connor, 162 West 13 Street, New York City.
Por landoj kie ne ekzistas turista komisio ni interrilatos kun la firmo Cook pri karavanoj.

**Skolta tendaro.** En la 31a UK okazos ankaŭ la skolta tendaro 1939. Informojn petu de la fakdelegitino por skoltismo: F-ino G. Merz, Falkenweg 9, Bern.

**Oficiala kongresgazeto** estas „Ni vokas vin". Ĉiu kongresano ĝin ricevas senpage. Antaŭvidata estas ok numeroj, la lasta enhavos la raporton pri la kongreso. La du unuaj numeroj estas multnombre forsendataj kiel varbnumeroj, interesuloj petu ilin de la kongres-oficejo. La proksima numero aperos fine de januaro.

**Aliĝoj:** Ĝis 12. 1. 1939 aliĝis 391 el 19 landoj.

La Prezidanto: *H. Buchli.*

## Kongresprogramo

**Vendredo, 28a de julio.**
Malfermo de la kongresoficejo.

**Sabato, 29a de julio.**
Akcepto en la stacidomo kaj gvidado al la loĝejoj.
Internacia kostumfesto en ĉiuj salonoj de Kursaal.

**Dimanĉo, 30a de julio.**
Surmonta diservo sur Gurten. Ĉe malbona vetero komuna diservo en la katedralo.
Solena malfermo de la kongreso en la granda salono de Kazino.
Ekskurso: Tra la Berna „Corniche".

**Lundo, 31a de julio.**
Laborkunsido de IEL.
Fakaj kunsidoj, prelegoj.
Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
Festa prezentado de la „katedral-ludoj" subĉiela prezentado.

**Mardo, 1a de aŭgusto.**
Laborkunsido de IEL.
Fakaj kunsidoj.
Gvidado tra la urbo.
Vespere, partoprenado ĉe la federacia fondfesto, en grupoj.

**Merkredo, 2a de aŭgusto.**
Tuttaga ekskurso al Jungfraujoch.

**Ĵaŭdo, 3a de aŭgusto.**
Laborkunsido de IEL.
Ekskursoj: Ĉirkaŭ la Thuna lago, al la Blausee, al la Schwarzsee.
Dancvespero.

**Vendredo, 4a de aŭgusto.**
Fakaj kunsidoj, prelegoj.
Ekskursoj: Trans la Pillon-pasejo; trans la Jaun-pasejo; sur la Chasseral; trans la Schallenberg; Niesenveturado; granda transalpa-veturado.

**Sabato, 5a de aŭgusto.**
Fermo de la kongreso en la granda salono de Kazino.
Gvidado tra la muzeoj.

**Postkongresaj aranĝoj.**
5a—12a de aŭgusto:
Libertempejo en berna Superlando „Ni ripozu".
Rondvojaĝo „Ni esploru Svislandon".
Libertempa semajno en popolaltlernejo Herzberg.

# La Plej Alta Relvojo en Eŭropo




Ĝenerala vido de la montaraj fervojoj en la regiono Jungfrau, de Interlaken ĝis Jungfraujoch.

Kiam, en la jaro 1894, la plano diskoniĝis, konstrui fervojon sur „Jungfrau", ekaŭskultis homoj ne nur en Svislando sed ankaŭ multloke en eksterlando. Eĉ en nuna tempo ekzistas apenaŭ projekto de montfervojo kiu samgrade ekmovis la fantazion kaj la teknikan intereson de ĉiuj. Moko kaj kritiko vere ne mankis, eĉ la satiraj ĵurnaloj ĵetis sin fervore en la aferon. En certaj rondoj de la svisa popolo la projekto renkontis malŝaton, speciale ĉe la alpinistoj kaj protektistoj por naturo. Ili timis perfortadon kaj profanadon de la majestaj alpoj. Sed la riskema Zürich — ano Adolf Guyer-Zeller, la kreinto de la projekto kaj liaj kunlaborantoj konfuziĝis pro nenio. Dum dekses jaroj plenaj de plej akraj bataloj kun la naturaj fortoj de l'altmontaro ekestis kreaĵo, kiu pro sia kuraĝa, al nenio komparebla teknika konstruo kaj pro la giganteco de la regiono en kiu ĝi troviĝas surprizas kaj mirigas ĉiujn vizitantojn. La lasta stacio Jungfraujoch inaŭgurita la unuan de aŭgusto 1912, situanta 3457 m super la marnivelo estas la plej alta fervoja stacio en Eŭropo. La alpinistoj kaj skiistoj depost longe kontentiĝis pri la fervojo, ĉar, ĝi ekmontras al ili senfine vastan kaj varian regnon de glaciejoj kaj montpintoj. Ĉar la fervojo plejparte estas kaŝita en la interno de la montmasivoj, la majesta kaj impona vidaĵo de la grandioza centra grupo de la Bernaj alpoj, Jungfrau, Mönch, Eiger restis netuŝita. Granda estas la nombro de la homoj kiuj uzas la elektran forton kaj la dentradan fervojon por ascendi al la regiono de la ĉiamdaŭra neĝo, kiu alie estus al ili neatingebla. Ĉiu koniĝas sur la Jungfraujoch kun parto de Svislando kies nepriskribebla beleco ravigas lin.

Sed la Jungfrau-relvojo ne nur servas al la sporto kaj al la realigo de la homa montsopiro. Ĝi samtempe realigis kelkajn sonĝojn de la scienco. Kun la progreso de la fervoja konstruaro la esploro penetris pli kaj pli en la montaron. Multaj problemoj pri naturaj fenomenoj kaj pri la interrilatoj inter la naturo kaj la vivaĵoj estas solvataj en la alteco. Antaŭvidante, ke estonte la Jungfrau-fervojo povus bonege servi al la scienco, ĉi tiu devigis sin jam en la koncesio de 1894, pagi nomindajn kotizojn al scienca esplorstacio. Hodiaŭ staras apud la turista domo kaj la „montdomo" kiu gastigas la vizitantojn, tri konstruaĵoj dediĉitaj al la esploro: la altalpina instituto por scienca esploro, la astronomia kaj meteorologia observejo sur la supro de la Sphinx (3572 m) kiu estas kunigita kun fervojstacio en la montinterno per 111 m alta lifto. De la elvidteraso sur ĉi tiu alta observejo la vizitantoj de l'Jungfraujoch ĝuas belegan vidon ĉirkaŭen kaj malproksimen.

La antaŭvido de Guyer-Zeller pri la kultura valoro de Jungfrau-vojo realiĝis. Ĉi tiu fervojo superis multe la kadron de sporta kaj ekskursa fervojo kaj iĝis konstruaĵo de rimarkinda scienca graveco.

Karaj kongresanoj, en tiun mirindan montregionon kondukas la ĝenerala kongresa ekskurso merkredon, la 2-an de aŭgusto. Ĝi permesas ĝuojn kiajn oni ne povas imagi pli belaj



La Jungfraujoch kun sia emblemo: la svisa flago.

kaj pli potencaj. Ĉar, dank al tiu fervojo povas penetri ne nur la kuraĝa alpinisto sed ĉiu homo, kiu havas amon por la naturo kaj por la ĉasta beleco de la alpmondo. Al la partoprenantoj de la 31-a esperanta mondkongreso en Bern ebligas la speciale malalta prezo, partopreni la ekskurson. Ke neniu rezignu tiun neforgeseblan ĝuadon! Sur la plej altaj montsuproj Esperanto sonu en la tutan mondon!



La meteorologia observejo Jungfraujoch ĉe la supro de la Sphinx kun ĝia belega publika teraso. La stacio konstruita en la roko mem enhavas lifton, kiu kondukas ĝis la supro de la Sphinx.



La Jungfraujoch, Eiger kaj Mönch vidataj el la pinto de la Jungfrau.

# Urboplano de Bern

1 **Bubenberg-monumento.** Honore al la venkinto de Murten (1476) starigita.

2 **Granda Schanze.** Natura altaĵo norde de la ĉefa stacidomo. Universitato. Flegitaj promenadvojoj. Belvido-turo.

3 **Artmuzeo.** Berna pentroarto, itala pentroarto, majstroj de la 17-a jarcento, instrua metodo de 19-a jarcento, modernaj artistoj, plastikoj.

4 **Ĉefpoŝtejo.** Letero-kaj pakaĵo-akcepto, poŝt-restanta, telefono, telegrafo.

5 **Corso-teatro.** Ĉiutage 20. 15 varia teatrspektaklo.

6 **Heiliggeist-preĝejo.** (Preĝejo de Sankta Spirito). Mirinda baroka konstruaĵo (1726).

7 **Mondpoŝt-monumento.** Rememoro al la fondo de la universala poŝt-unuiĝo 1874.

8 **Malgranda Schanze.** Bidermonumento, mondpoŝt-monumento, anasolageto, alpo-deklarilo.

9 **Trafikkontoro de la urbo Bern.** Oficiala trafikoficejo, ĉiaj informoj, rendevuo por la urbrondveturadoj kaj de la aŭtoekskursoj „Ĉirkaŭ Berno'n".

10 **Botanika instituto, botanika ĝardeno kaj ĝiaj oranĝerioj.** Kaktaco-kolektoj, utilaj plantoj, kamparanaj ĝardenetoj.

11 **Kursaal.** Posttagmezaj kaj vesperaj koncertoj, ĝardena restoracio (alpoelvido), Boule-ludo, dancejo.

12 **Urba teatro.** Prezentadtempo septembro-majo. Opero, opereto, spektaklo, diverslingvaj gastludoj, dancgastludoj.

13 **Kantona metia-muzeo.** Variaj ekspozicioj. Kornhaus-kelo. Antikva urbkelo, hodiaŭ konata restoracio kun giganta barelo kaj belaj freskoj.

14 **Käfig - turo** (Karcera-turo). Malfrumezepoka pordego, konstruita 1641.

15 **Federaciaj palacoj.** Sidejo de la federaciaj registaro kaj administrado. Libera vizitado de la parlamentejoj.
**Bundes-teraso.** Promenadteraso sude de la federaciaj palacoj. Rigardejo al la alpoj.

16 **Zeitglocken-turo** (Horloĝturo). Ĝis meze de la 13-a jarcento urba pordego. La nuna konstruaĵo devenas de la 15-a jarcento. Fama kalendara horloĝo kaj unika sonorilludo.

17 **Kazino, Kongresejo.** Restoracio kun teraso kaj granda ĝardeno. Posttagmeze kaj vespere koncertoj. Dancejo.




# Post la kongreso - interesa vojaĝo tra Svislando

La multnombraj kongresanoj el eksterlando, kies sopiro al vizito de la bela Svislando eble la unuan fojon en tiu jaro efektiviĝos, certe deziras akiri sufiĉan konon de tiu mirinda lando. Se ili tian ne jam akiris per la dumkongresaj ekskursoj mem, la LKK organizos tre ĝuoplenan vojaĝon postkongresan

**dum 7 tagoj,**

kondukantan laŭ jena vojo:

**1-a tago** (dimanĉo 6. Aŭgusto): Berno (ek 08.45) - Interlaken - Meiringen - Pasejo Grimsel - Gletsch - Glaciejo Rhône - Pasejo Furka - Andermatt.

**2-a tago** (lundo): Andermatt - Göschenen - Lugano.

**3-a tago** (mardo): Per poŝta aŭtomobilo al St. Moritz (Engadino).

**4-a tago** (merkredo): St. Moritz - Alpo Grüm - Samaden - Zuoz.

**5-a tago** (ĵaŭdo): Zuoz - Süs - Pasejo Flüela - Davos.

**6-a tago** (vendredo): Davos - Landquart - Linthal - Pasejo Klaŭsen - Flüelen apud la Lago de Kvar Kantonoj.

**7-a tago** (sabato): Flüelen - Lucerno (ŝipe) - Berno, aŭ: Flüelen - Brunnen - Zürich (Nacia Ekspozicio) - Berno.

Tiu ĉi vojaĝo havigos al la partoprenantoj eksterordinare detalan bildon de Svislando. La unuan tagon ĝi kondukos super du el la plej belaj pasejoj de Svislando, preter la grandiozan, mondfaman glaciejon Rhône al la altvalo de Andermatt ĉe la piedo de la pasejo Gottardo. — La duan tagon oni iros tra la sovaĝa intermonto Schöllenen al Göschenen kaj fervoje al la Tiĉino ĝis la mirinde bela lago de Lugano, kie la partoprenantoj libere disponos la tutan posttagmezon kaj vesperon. — La postan tagon oni veturos per poŝta aŭtomobilo sur la nova strato de Gandria laŭlonge la lagon de Lugano al la lago de Como, poste monten preter Chiavenna kaj la pasejo Maloja al St. Moritz, la nodpunkto de la supera Engadino, kie denove la posttagmezo estos libera por ekskursoj, ktp. — La kvaran tagon oni troviĝos meze en la blanka belegaĵo de la montogrupo Bernina kaj ĝia glaciaro, sur la flanko de Poschiavo valen veturos kaj poste returnen ĝis la malnova Engadina vilaĝo Zuoz. — La kvina tago havigos la ĝuon de interesa veturo al la malsupera Engadino kaj trans la pitoreska pasejo Flüela al la konata kuracejo kaj sportloko Davos. — La antaŭlastan tagon oni ĝuos veturadon laŭlonge de Walenlago al la Glarona Kantono kun la potenca montogrupo Tödi kaj super la Pasejo Klaŭsen al la bordoj de la Lago de Kvar Kantonoj, la lulilo de la svisa federacio. — Por la lasta tago restos du eblaĵoj: Ŝipa veturo ĝis la fama Lucerno kaj de tie fervoje al Berno, aŭ: el Flüelen fervoje al Zürich por viziti la Nacian Ekspozicion, kaj poste al Berno.



# BERN




**18 Katedralo.** Plej bela gotika katedralo de Svislando. Mirindaj vitrofenestroj, arkaĵoj, renesanca seĝaro. Ĉefpordego kun la lasta juĝtago (plastika ornamaĵo).

**19 Plattform** (Katedrala teraso). Ombroriĉa parko kun senalkohola restoracio. Elvido al malnova urbo kaj Aarefluhalto.

**20 Bellevue-Palace.** Posttagmeze kaj vespere koncertoj en restoracio kaj orienta halo. Dancejo.

**21 Du Théâtre.** Posttagmeze kaj vespere koncertoj.

**22 Urbdomo.** Malfru-gotika konstruo kun bela ekstera ŝtuparo.

**23 Nydeck.** Plej malnova parto de Bern. Ĉe sama loko kiel la iama kastelo de la duko de Zähringen staras la Nydeckpreĝejo, konstruita en la 13-a jarcento.

**24 Rosengarten.** Plej bela promenejo de Bern. Bonflegitaj rozo-kampoj. Unika elrigardejo al la malnova urbo. Senalkohola restoracio.

**25 Ursa fosejo,** kun depost jarcentoj gardataj ursoj (Blazonbesto de Bern).

**26 Poŝta muzeo,** Helvetiaplaco, Kirchenfeld.

**Svisa alpa muzeo,** Helvetiaplaco 4.

**27 Berna lernejinstituto,** instruilo-kolektaro kun biblioteko. Instituto por la esplorado de novtempaj edukaddemandoj.

**28 Monumento de la universala telegrafunio.** Depost 1869 Bern estas sidejo de la en Parizo fondita internacia telegrafunio.

**29 Artohalo Bern.** Variaj ekspozicioj.

**30 Angla parko.** Ombraj promenadvojoj laŭlonge de la bordo de Aare. Elrigardo al la suda urboparto kun la dominanta katedralo.

**31 Historia muzeo.** Antaŭ-kaj fru-historiaj kolektaroj de Svislando. Armilokolektaro, kulturhistoriaj kolektoj, gobelenoj, vitraj pentraĵoj, malnovaj ĉambroj kaj kostumoj.

**32 Naturhistoria muzeo.** Plej moderna reprezentadarto de unikaj afrikaj bestobildoj de la de Wattenwylesplorvojaĝo, Svisa faŭno, geologio, mineralogio, insekto-kolekto.

**33 Nacia biblioteko.** Svisa nacia biblioteko. Resumo pri la tuta svisa literaturo kaj gazetaro.

Se minimume 6 ĝis 14 personoj partoprenos, la kostoj por la vojaĝo, inkluzive de la tuta nutrado en bonaj hoteloj, tranoktoj, trinkmono, kurackotizo, ĉe triaklasa veturo en fervojo kaj duaklasa en ŝipo (rezervite eventualan tarifŝanĝon) estos po persono Fr. 180.—. Aliĝoj al la LKK de la 31. Universala Kongreso de Esperanto, Bern, Bundesgasse 18. Lasta dato por la aliĝo: 4-a de Aŭgusto 1939.

### Kongresaj Ekskursoj: tarif-ŝanĝoj.

En la 2-a numero de nia kongresa gazeto „Ni vokas vin" ni konigis la liston de la ekskursoj dum la 31-a Universala Kongreso de Esperanto. Je nia speciala plezuro ni povas informi pri konsiderindaj reduktoj, pro ŝanĝo de la tarifo, ĉe tri el tiuj ekskursoj. Tio koncernas la tri ekskursojn de vendredo la 4-an de Aŭgusto: La ekskurso trans la Pasejo Pillon al Montreux. Nova prezo Fr. 13.— (anstataŭ Fr. 19.—).

La ekskurso trans la Pasejo Jaŭn. Nova prezo Fr. 9.— (anstataŭ Fr. 15.—).

La ekskurso sur la **Niesen.** Prezo Fr. 9.— (anstataŭ Fr. 10.—).

### Informoj por germanaj kongresanoj.

Kontraŭe al pli fruaj informoj, kongresanoj el Germanujo devas akurate tiel agi, kiel ĉiuj germanoj, kiuj intencas libertempi en Svislando. Tamen la kongreskotizoj povos esti pagataj nur post alveno en Berno. Ni konsilas al la germanaj partoprenontoj, jam nun fari proponojn pri la necesaj devizoj por vojaĝo en Svislando, por ke ili sufiĉe frutempe havu la permeson. La kostoj por la loĝado kaj nutrado povos esti pagataj per la kutimaj ŝuld-atestoj (Sachgutscheine). Pro la propono de devizoj oni sin direktu al la vojaĝkontoroj aŭ al la deviz-bankoj. Verŝajne estos kontentigata en Julio nur tiu, kiu faris siajn proponojn jam en Marto aŭ Aprilo. Frua anonco ankaŭ estas necesa por la enskribigo en hotelo. Informojn pri tio donas la Svisa Vojaĝkontoro, Berlin NW 7, Unter den Linden, angulo Friedrichstrasse. Tie la partoprenontoj ankaŭ povos aĉeti la fervojo-biletojn.

### Fervojaj reduktoj por kongresanoj.

La jenaj fervojoj donos redukton al la partoprenontoj de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto:

**Ŝtatfervojo de Turkujo:** 30% de la 24-a de Julio ĝis la 5-a de Aŭgusto por la alveturo, kaj de la 29-a de Julio ĝis la 10-a de Aŭgusto por la reveturo.

**Fervojo de Portugalujo** kaj portugalaj fervojoj de Beira Alta: 44% da redukto valida por la alveturo de la 24-a Julio ĝis la 3-a de Aŭgusto, kaj por la reveturo de la 5-a Aŭgusto ĝis 15-a Aŭgusto 1939.

**Belgaj fervojoj:** 35% de la ordinaraj prezoj, validaj de la 23-a Julio ĝis la 17 Aŭgusto.

**Fervojoj de Litovujo:** 33⅓ % kontraŭ prezento de la postulata societa atesto. Travojaĝantoj bezonas nur la pasporton.

La redukto validas por la alveturo de la 25-a Julio ĝis la 5-a Aŭgusto, kaj por la reveturo de la 29-a Julio ĝis la 9-a Aŭgusto.

**Fervojoj de Ĉeĥoslovakio:** 25% de la 25-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto por la alveturo kaj de la 30-a de julio ĝis la 10-a de aŭgusto por la reveturo.

**Fervojoj de Latvujo:** 25% en la senco, ke por la alveturo estas pagata la normala tarifo, kaj por la reveturo la duona tarifo.

La biletoj por la reveturo estas haveblaj ĉe la vojaĝkontoro Kueni aŭ ĉe la „Compagnie Internationale des Wagons-Lits Cook", same ankaŭ ĉe la oficialaj vojaĝkontoroj „Celtrans" en Riga, Liepaja kaj Daŭgavpils. La reduktoj validas por la reveturo inter la 29-a Julio kaj la 15-a Aŭgusto. Ili ankaŭ validas por ĉiuj vagonaroj kaj ĉiuj vagonklasoj.

# Atakoj ĉe Loetschberg

Jam sur la landkarto la linio de la Loetschbergfervojo estas kvazaŭ pistola pafo, kiu trafas meze en la koron de la alpoj. Tiel ŝnurrekte nenia relbranĉo atakas la kristalbluan remparon de Berner Oberland. Ĝi konas neniajn koncesiojn al la malebeneco de la tereno, ĝi faras neniajn ĉirkaŭvojojn, ĝi ne detalege komencas de tre malproksime kiel la malnova Simplon-Jura-fervojo, kiu ĉe Martigny faras grandan genuflekson antaŭ la Montblanc-masivo, por poste forŝteliĝi orienten, por tiel diri pro pura timo pro la Granda St. Bernhard. La Loetschberg-linio dankas sian strukturon al la Berna amaseco de la federacia ĉefurbo kaj jam en la baza formiĝo celas la tutaĵon. Ĝi zorgas nur pri sia celo. Nu ja, la vilaĝojn, kiuj hazarde kuŝas ĉe la vojo, oni kunprenas — sed ne unu solan oni privarbas. Oni ne bezonas tion. Jam el la tiamaj konstru-planoj oni vidas la ekkonon, ke tempo estas mono, eĉ tiam, se ĝi povus transŝtampiĝi en tian amindan moneron, kiel estas la kazo inter Bern kaj la Valezo.

Plie io alia ludas ankoraŭ rolon. Ĉiuj grandaj internaciaj alpfervojoj komencis per vapormaŝinoj, eĉ la Gotthardo. La Loetschberg-fervojo transsaltis tiun lerntempon; kiel majstro ĝi falis de la ĉielo. Ankoraŭ hodiaŭ, post pli ol dudekjara pruviĝo ĝi montris tion per la relbatoj kaj per la sono de la radoj. En ĝia rektlinieco kuŝas io elementa, ĝi havas tute nenian timemon pro tiu ne-alirebleco al la montoj, kiu antaŭ 150 jaroj ankoraŭ sentis la granda Haller, kiam li asertis, ke nenia vagono lasus ruli siajn radojn trans la alpojn. Hodiaŭ ĉiuj grandaj relpasejoj estas elektrecigitaj, sed la „ovoŝelojn" de la vaportransportado oni trafas ankoraŭ ĉiuloke, nur ne ĉe Loetschberg. Ili perfidas sin per la singardemeco, la prudento, eĉ per la zorgemo, per kiuj oni venkas la topografajn malfacilaĵojn.

Neniam ia fumeto de fulgo kaj fi-odoro, neniam ia peniga spiregado de trostreĉita vaporlokomotivo plenigis la Loetschberg-valojn. Dekomence la vagonaro ĉiam suprenglitis la veturejon kvazaŭ ĝi estus tirata per nevidebla mano. Oni vidis nenian fizikan laboron, kiu tamen devis esti farata. Nur tion, ke du piŝtostangoj iom perfidis de sia ŝvito, kiu devis flui por venki la unuajn 200 metrojn de suprengrimpado ĝis la enirejo al la Engstligen-valo. Sed ankaŭ tio iom post iom malaperas, ĉar eĉ piŝtostangoj fariĝas malmodernaj. La novaj grandaj maŝinoj envolvas sin nur ankoraŭ en la turnegadon de siaj radoj. Ne plu estas maŝin-dece, se oni libere montras kaj konfesas kian forton oni bezonas por tuj sag-pafi dekduon da komfortaj D-vagonoj en la regionon de la altalpoj.

La milda herbaromo nedifektite susuretas tra la malfermita fenestro de la kupeo. Dum tiu veturo oni fermas la vastajn, puregajn fenestrojn nur malofte kaj ne volonte. Se la mirinda mildeco kaj marverda panoramo ne estus neniigintaj ĉiujn protestojn kontraŭ trablovanta aero, sufiĉus sole la rimarko, ke ĉi-tie ne necesas iaj aplikoj de rimedoj kontraŭ fumego kaj cindro. Arbaroj, riverobruantaj montogorĝoj, la ŝanceliga kruteco de belformaj herbej-deklivoj (kiun la skientuziasma okulo tuj transimagas en vintrajn perspektivojn) ĝisatingas la ritme balancantajn vagonojn.

Granda kapablulo neniam montras jam en la komenco kion li scipovas. Tiel ankaŭ la Loetschbergfervojo ŝparas kun siaj kulmianacioj, bilde kaj fakte ĝis post Frutigen. Oni unue lasis elvagoniĝi la vojaĝantojn por Adelboden, por lasi solaj en sia ĝuo la amikojn por la fervoj-teknikaj kaprioloj. Por tiuj vere komenciĝas grandioza spektaklo. Ĉar kun fanatika potenco la fervojo kur-atakas nun laŭlonge de la rivero Kander en granda altiĝo, kvazaŭ ĝi volus konkeri la tutan, kiel neĝo blendigan masivon de la Blüemlisalpo per surpriziga genia bato. La veturo ĝis Mitholz-Blausee similas al husara ruzaĵo, kiu volas kurataki egan fortikaĵon per pikedo, pro tio la vagonaro alkuras per nekredebla vervo. Estas fakto: 4500 „ĉevaloj" altondras la monton, sed oni ne aŭdas ilian snufegadon, la rajdantoj tute mankas krom du, kiuj antaŭe sur la sola bruna ĉevalo malantaŭ fenestraj kadroj trankvile okupiĝas pri kelkaj komutiloj. Ili faras tion ĉiutage, tial ĉia streĉiteco, ke la atako povus fiaski, malaperis el iliaj vizaĝotrajtoj.

Tiel rapide tamen ne cedas la altaj sinjoroj de Kandersteg, ili brile rifuzas la unuan kur-ĉason. Sed ili ne neniigas la malamikon, ili eĉ ne malfortigas lin. En mirinda kurbiĝo meze en la mallarĝa Kandervalo la fervojo sin returnas kvazaŭ sur la malantaŭ mano, sed ĝi konstante pluen supreniras, konsciante pri sia venkoriĉa forteco: taktiko — kaj denove ĝi alkuras por nova ofensivo. Preskaŭ ĝis Frutigen ĝi reiras, tamen 250 mtr. pli alte, denove la lago aklumas en la foro, kiun oni jam estas forgesinta — kaj nun alvenis la horo de la triumfo.

Prudente kovrita meze en la monto la fervojo denove returniĝas kaj per plej alta evolucio de ĝiaj energioj sur ŝtalaj hufoj, trans pontoj kaj tra tuneloj ĝi veturegas nun renkonten al Kandersteg. Ankoraŭ lastan rigardon al la grizo-verda Niesen-piramido, al dronanta antaŭ-alparo-poste la vagonaro preterrulas la ebenan herbejaron de la supera Kandervalo: kvazaŭ estus memkompreneble, kurveturi de Bern al la Blüemlisalpo en malpli ol du horoj.

Du horoj — ili kondukas el la brua grandurbvivo en la trankvilecon de larikoverda revolando. En la oreloj ankoraŭ postsonas la tintado de la tramvagonoj, la hupado de la omnibusoj, la kurado de la homoj, la kriado de la gazetvendistoj. Ĉio-ĉi droniĝas en la ioma balancado kaj jam tre foriĝis. Tie-ĉi supre ekaŭdiĝas sonoj de alia mondo. Ĉi tie la montriveroj kaj akvofaloj havas la parolon kaj la delikatajn melodiojn de la ventokanto traŝvebas spiro de interfratiĝemo. La atako ĉe Loetschberg finiĝas delikate kiel ŝafokanto kun sana sentimentaleco. La sovaĝa armeo de la 4500 ĉevalfortoj nun malaperu en la senluma tunelo por sukcesi en novaj bataloj — ni korn-signalas la batalfinon. Trad. *A. F.*

# Nova konstrumaniero en Berno

Dum pasintaj jaroj oni tre multe konstruis en la federala urbo. La nombro de konstruitaj loĝdomoj estis en 1933 rekorda, diversaj kvartaloj kaj kolonioj multvalore vigligis kaj riĉigis la urbon. Pli nombraj estas ankaŭ la *publikaj konstruaĵoj*, kiuj, preskaŭ ĉie, konformiĝis al la novaj, vivaj konstruformoj nuntempaj. Same kiel la malnova urbo, kiu prezentiĝas unu el la plej famaj urboj en Eŭropo kaj ili pro la nepra unueco kaj bonstila beleco de siaj konstruaĵoj eĉ ĝuas oficialan egidon rilate al ĉiuj problemoj pri novkonstruado, tiel la kvartaloj

ĉirkaŭ la urbo fariĝu vivaj atestantoj de moderna kreo kaj formado. La aplikado de modernaj, raciaj konstrumetodoj kaj formoj rezultis aŭtomate el la respektita praktika celo kaj interna organizo de la grandaj konstruaĵoj. Plezure oni povas konstati, ke tiuj-ĉi monumentaj konstruaĵoj ne efikas per pompaj fasadoj, sed tamen reprezentas en moderna senco siajn grandecon kaj gravecon kaj simbolas ankaŭ arkitekture, en maniero komprenebla kaj konvinka, siajn celon kaj internan strukturon.

La „*Lory*"-hospitalo, konstruita de la arkitektoj Salvisberg kaj Brechbühl kaj inaŭgurita en 1928, estas la unua publika konstruaĵo laŭ moderna konstrumaniero. En situo belege libera ĝi leviĝas, inter la longetendita domaro de la „Insel"-hospitalo kaj la „Bremgarten"-tombejo, supre de terasforme altiĝanta ĝardeno. La impona longkonstruaĵo ambaŭflanke estas garnita de elstarantaj flankaĵoj kun vitritaj verandoj; la alveturejo troviĝas sur la pli alta malantaŭa tereno. La samaj arkitektoj povis uzi la modernajn konstruprincipojn konstruante la hejmon por suĉinfanoj kaj patrinoj *Elfenaŭ*, kiu harmonie sin adaptas al la belega pejzaĝo.

Tute modernaj prezentiĝas sur la Mulden-strato kvin institutoj de la universitato, konstruitaj de s-roj Salvisberg kaj Brechbühl kiel uniforma, longetendita domaro finita en 1931. Kolosa, longa domego kun 111 fenestroaksoj estas dividita per enirejoj de la institutoj kaj per grandaj, elstaraj aŭskultejoj en la plej supra etaĝo. Sunflanke estas kvin transversaj domaroj, enkadrigitaj per ĝardenoj; en ili troviĝas la laborejoj de la kvin institutoj, t. e. la laboratorio de la kantona kemiisto, la farmacia, zoologia kaj geologie-mineralogia institutoj, kaj en la lasta, altigita flankdomo la juĝe-medicina instituto. Pro teknikaj bezonoj oni uzis por la tuta konstruaĵo, kiu malgraŭ sia grandeco tute ne efektas giganta sed tre trankvila kaj kompleta, ebenan tegmenton. — En la centro, apud la tre frekventata Laŭpen-strato, la *Suva-domo*, finkonstruita en 1932 de la arkitektoj jam menciitaj, ankaŭ estas io moderna. La sesetaĝa konstruaĵo, en kiu ĉefe troviĝas la oficejoj de la svisa akcident-asekura instituto, estas aranĝita kvaronarke kiel la fasado de grandega ronda areno; tiamaniere ĝi tre oportune reguligis la cirkuladon en la angulo de la Laŭpen-, kaj Seiler-stratoj.

La *Kirchenfeld-kvartalo* transformiĝis je grandurba kvartalo de muzeoj kaj bibliotekoj. Sur la tereno inter la historia muzeo kaj la nova gimnazio, konstruita en 1927 de la arkitektoj Widmer kaj Daxelhofer, jam staras du monumentaj konstruaĵoj. La *svisa nacia biblioteko*, en sia tuta aranĝo moderna faraĵo de la arkitektoj Oeschger, Kaufmann kaj Hostettler, estis inaŭgurata en 1931. La meza parto, en kiu troviĝas la libromagazenoj, estas alta ok etaĝojn, en alia estas legoĉambroj kaj ekspoziciejoj kun desupra lumo. Multaj federalaj oficoj estas lokitaj en la flankaĵoj. — En 1934 la arkitektoj Krebs kaj Müller konstruis apud tiu grandega komplekso la *naturhistorian-muzeon* kun belaj florbedoj. En la triparta muzeo troviĝas ĉambrego por grandaj mambestoj kaj sube estas paroladejo. — Apud la *Helvetia-placo*, kontraŭ la arthalo, estis finkonstruita, en la sama jaro, de la arkitektoj Klaŭsen kaj Streit, longe etendita domo, en kies antaŭa parto estas lokita la „*Schulwarte*" kun ĉambregoj por paroladoj kaj ekspozaĵoj, apude la *svisa alpa muzeo* kaj *poŝta muzeo*.

Menciinda ankaŭ estas kiel grandioza konstruaĵo la *Lorraine-ponto*. Ĝi estis konstruata kiel stratponto el ferbetono kun grandapertura arko en la jaroj 1927—30 de inĝeniero R. Maillart kaj arkitektoj Klaŭsen kaj Streit. Tute proksime de ĝi ni trovas la *artmuzeon*, kies kompletiga parto baldaŭ estos preta. Arkitekto Karlo Indermühle († 1933), la konstruinto de la modela unuagrada lernejo *Stapfenacker* en Bümpliz dum 1930—32, per kiu li helpis efektivigi la ideojn de la moderna lernejkonstruado, ankaŭ projektis la pligrandigon de la artmuzeo laŭ modernaj firmaj formoj. *J. P.*

# Historiaj kutimoj en Svislando

Volante fari riproĉojn al la svisoj oni almenaŭ ion ne povas pretendi: ke ili forgesis sian historion. Ĉar ĉi tie la historio ne nur estas pura sciado, sed ĝi estas la konstanta kreado kaj rekreado de ŝtato; neniu komprenas Svislandon kaj ĝiajn enloĝantojn, kiu ne serĉas la konektojn inter pasinto kaj estanto. Ĉar la historio restas vivanta kaj estas konstante renovigata kaj decidige influas nian epokon. Oni povas konsideri kiel kuriozaĵon, ke ankoraŭ hodiaŭ oni legas en Beromünster mesojn por la duko Leopold de Aŭstrio mortigita en la batalo de Sempach. Sed tiu kiu interesiĝas pri la postvivo de la historio, povas sen klopodoj observi kaj konstati, ke en la popolo estas senĉesa tradicio de surpriza historia scio, kiu kontinuas tra la generacioj, kaj li povos vidi en tio la pruvon, ke por la sviso la historio estas afero de la koro kaj peco de la vivo.

La kulturado de la historiaj memortagoj estas ordonataj al ili de ilia koro. Se al la pilgrimado al Näfels, kiu okazas ĉiujare komence de aprilo, la civitanoj de Glarus venas el tuta Svislando kaj eĉ el eksterlando, tio signifas pli ol nuran popolkunvenon. La „pilgrimado" signifias por la Glarusano la plej altan ŝtatan kaj eble ankaŭ religian feston de la jaro. Preĝante en procesio la katolikoj kaj en solena ĉirkaŭiro la protestantoj oni vizitas la batalkampon de Näfels, por poste partopreni alparolon de la Landammann (kantona registarestro) kaj diservon por rememori pri la mirinda venko de la antaŭuloj, kiuj en 1388 pelis el la lando multope superan kavaliran armeon.

La Appenzell-anoj solenas la datrevenon de la batalo ĉe Stoss, kaj ili tiam kutimas sekvi la rivereton, kiu fluas al la Rejno ĝis la loko, kie en 1405 la akvo estis ankoraŭ ruĝa pro la sango.

La solenaĵo pri la batalo ĉe Sempach, kiu ĉiujare en sufoka julia suno kolektigas la popolon de Lucerno kaj centra Svislando ĉirkaŭ la kapelon inter Sempach kaj Hildisrieden evoluis regula patriota manifestacio kies voĉo aŭdiĝas tra tuta Svislando. En la dankon pri la feliĉa sorto de la venko de Sempach kiu estis fundamenta por la evoluo de la federacio, miksiĝas la zorgoj pri la futuro.

La Ĝenevanoj transformis sian Escalade al gaja kaj ampleksa popola festo. La urbanoj kaj soldatoj, kiuj la 11an de decembro 1602 sukcese defendis sin kontraŭ nokta surprizatako de la duko de Savojo al ilia urbo certe eĉ ne parte estis tiel gajhumoraj kiel la hodiaŭaj Ĝenevanoj, kiam ili post la serioza solenaĵo pri la Escalade ankoraŭ unu aŭ eĉ du tagojn plenigas la murojn de sia bela urbo per festa moviĝo. La pli peza karaktero de la popolo en alemana Svislando igas komprenebla la transformon de historiaj memortagoj al malgrandaj pafistaj festoj, kiel okazas en Grauholz, Murten, Morgarten — kaj sur Rütli. Neniam estas tiom da vigla moviĝo sur la belega montherbejo ĉe la lago de Uri, kiel dum la Rütli-pafado.

Komence de aŭgusto 1291 la plej malnova konservita federacia kontrakto de la tri kantonoj estis redaktata kaj subskribata. La unua de aŭgusto pro tio estis deklarata nacia festotago, kaj kiu en la vespero de tiu tago veturas tra Svislando, tiun tuŝas la senbrua soleneco de la fajroj sur la montoj, kiuj ĉie ĉirkaŭ li sur la altaĵoj estas ekbruligitaj. Ne ekzistas vilaĝeto kiu ne dediĉos al sia federacia festo kelkajn faskojn da ligno, ne ekzistas vilaĝeto, kie la patriotoj ne kolektiĝus por kune aŭskulti al parolado pri rememoro al la heroa epoko. En tiu tago oni ne povas alie ol ĝoji pri Svislando kaj ĝia tradicio.

Ne nur en tiu tago la viroj de la valoj kunvenas por

pensi pri la bono de la lando. En la Landsgemeindeoj (kunvenoj de ĉiuj voĉdonrajtaj civitanoj por elektoj kaj leĝdonado) kiuj ankoraŭ ekzistas en kelkaj malgrandaj kantonoj ni havas la heredaĵon de malnovega praktiko de la libereco. Tie la registaro elektita de la popolo, antaŭ la okuloj de la multkapa suvereno, devas doni raporton pri siaj agoj kaj renovigi sian ĵuron. Kaj ĉiu civitano havas la rajton en la kunveno paroli kiel libera viro al liberaj viroj. Kiu iam en printempo partoprenis en svisa Landsgemeinde, konsciiĝas pri la potencaj kaj bonaj fortoj, kiuj konstruis la svisan demokration dum jarcenta kreskado malgraŭ la diverseco de la federaciaj membroj al unu fortika tuto.

*H. R. S.*

## 2-a listo de kongresanoj.

170. H. Ingham, Chesterfield, Britujo.
171. F-ino A. G. Macfarlane, Glasgow, Britujo.
172. B. O. Price-Heywood, Formby, Britujo.
173. F-ino A. Fotherby, Surbiton, Britujo.
174. A. T. J. Guéritte, Surbiton, Britujo.
175. S-ino M. Guéritte, Surbiton, Britujo.
176. F-ino H. Guéritte, Versailles, Francujo.
177. F-ino L. Guéritte, Versailles, Francujo.
178. F-ino D. M. Roberts, London, Britujo.
179. G. Johannessen, Hamar, Norvegujo.
180. J. Guillaume, Paris, Francujo.
181. P. A. Vernin, Romans sur Isère, Francujo.
182. S-ino A. Vernin, Romans sur Isère, Francujo.
183. J. Berggreen, Sandefjord, Norvegujo.
184. E. Deligny, Saint-Omer, Francujo.
185. E. Andersson, Malmö, Svedujo.
186. Rezervita.
187. Rezervita.
188. Rezervita.
189. P. Maillard-Salin, Besançon, Francujo.
190. S-ino H. Maillard-Salin, Besançon, Francujo,
191. M. George, Besançon, Francujo.
192. S-ino M. George, Besançon, Francujo.
193. A. Joly, Besançon, Francujo.
194. S-ino M.-A. Racine, Besançon, Francujo.
195. G. Jean, Besançon, Francujo.
196. D-ro F. Vanêk, Dolní Bousov, Ĉeĥoslovakio.
197. S-ino E. Vanková, Dolní Bousov, Ĉeĥoslov.
198. J. Montchougny, Vesoul, Francujo.
199. C. Jayet, Morges, Svislando.
200. S-ino J. Jayet, Morges, Svislando.
201. S-ino M. Martinet, Trouan-le-Petit, Francujo.
202. F-ino L. Paulsen, Boras, Svedujo.
203. F-ino R. Olsson, Boras, Svedujo.
204. F-ino E. O'Brien, London, Britujo.
205. F-ino S. G. O'Brien, Worthing, Britujo.
206. F-ino E. F. O'Brien, Worthing, Britujo.
207. F-ino E. Angrave, Southend-on-Sea, Britujo,
208. F-ino M. Lycke, Gent, Belgujo.
209. J. Tempest, Bradford, Britujo.
210. G. L. Preedy, Reading, Britujo.
211. S-ino E. E. Preedy, Reading, Britujo.
212. S-ino C. C. Oldham, Timperley, Britujo.
213. F-ino M. Cripps, Buckhurst Hill, Britujo.
214. Prof. G. Koch, Napoli, Italujo.
215. F-ino A. Jessen, Sönderborg, Danujo.
216. F-ino V. Björk, Sönderborg, Danujo.
217. F-ino N. Voirol, Biel, Svislando.
218. W. Voirol, Biel, Svislando.
219. F-ino A. Walle, Oslo, Norvegujo.
220. S-ino A. Fagelund, Oslo, Norvegujo.
221. F-ino E. Nilssen, Oslo, Norvegujo.
222. F-ino A. A. Dik, Zeist, Nederlando.
223. S-ino M. A. Rougier, St-Julien-Marseille, Francujo.
224. G. Saurin, Marseille, Francujo.
225. S-ino C. Bourdelon, Marseille, Francujo.
226. H. Bourdelon, Marseille, Francujo.
227. S-ino Godchot, Deauville, Francujo.
228. R. Godchot, Deauville, Francujo.
229. E. Scheurer, Lyss, Svislando.
230. F-ino A. H. E. van Vliet, Alphen a. d. Rijn, Nederlando.
231. F-ino F. Termaat, Delft, Nederlando.
232. Z. Szejnberg, Warszawa, Polujo.
233. S-ino F. I. Keily, Alford, Britujo.
234. J. M. Keily, Alford, Britujo.
235. P. T. Keily, Alford, Britujo.
236. F-ino G. Bingham, London, Britujo.
237. P. Bracegirdle, Eastbourne, Britujo.
238. F-ino G. E. Clarke, Luton, Britujo.
239. W. A. R. Dines, Luton, Britujo.
240. F-ino A. G. Dougall, Glasgow, Britujo.
241. F-ino G. Flood, Reading, Britujo.
242. S-ino M. C. Gillett, Banbury, Britujo.
243. S-ino S. S. Morison, Edinburgh, Britujo.
244. W. A. Morison, Edinburgh, Britujo.
245. F-ino H. Smith, London, Britujo.
246. A. W. Worcester, London, Britujo.
247. S-ino D. M. Worcester, London, Britujo.
248. P. Humberset, Le Locle, Svislando.
249. S-ino E. Staes, Koekelberg-Bruxelles, Belg.
250. S-ino F. Staes-Vandervoorde, Koekelberg-Bruxelles, Belgujo.
251. J. R. Chapellier, Auboué, Francujo.
252. W. van Bellen, 's Gravenhage, Nederlando.
253. W. B. Currie, Romiley, Britujo.
254. M. D. Dupuis, Paris, Francujo.
255. S-ino H. Dupuis, Paris, Francujo.
256. F-ino G. E. Viidas, Nômme, Estonio.
257. F-ino H. Viidas, Nômme, Estonio.
258. S-ino J. C. Aarse-van der Graaf, Amsterdam, Nederlando.
259. J. Aarse, Amsterdam, Nederlando.
260. S. Aarse, Amsterdam, Nederlando.
261. J. H. Dey, Rotterdam, Nederlando.
262. A. Léchelle, Vicq, Francujo.
263. E. Müller, Zürich, Svislando.
264. E. Pierre, Bruxelles, Belgujo.
265. S-ino G. Pierre, Bruxelles, Belgujo.
266. F-ino M. Pierre, Bruxelles, Belgujo.
267. K. Ammann, Solothurn, Svislando.
268. F-ino A. Schweighauser, Bern, Svislando.
269. G. Lombardo, Napoli, Italujo.
270. E. Ducommun, Les Brenets, Svislando.
271. F-ino R. Ducommun, Les Brenets, Svislando.
272. S-ino P. Sing, Kreuzlingen, Svislando.
273. P. F. van Tongeren, 's Gravenhage, Nederlando.
274. G. E. Deschaumes, Gentbrugge, Belgujo.
275. A. Laurent, Lyon, Francujo.
276. S-ino A. Laurent, Lyon, Francujo.
277. Prof. W. Perrenoud, Montmollin, Svislando.
278. F-ino A. Jennen, Bruxelles, Belgujo.
279. F-ino S. Obozinski, Bruxelles, Belgujo.
280. J. Telling, Rotterdam, Nederlando.
281. J. D. Brakel, Rotterdam, Nederlando.
282. S-ino Brakel-Boerenbrink, Rotterdam, Nederlando.
283. J. R. G. Isbrücker, Den Haag, Nederlando.
284. F-ino M. Moora, Den Haag, Nederlando.
285. S. G. Moser, Zürich, Svislando.
286. H. Siegrist, Muttenz, Svislando.
287. F-ino H. Rietmann, Herisau, Svislando.
288. F-ino E. Montagnon, Besançon, Francujo.
289. F-ino M. Montagnon, Besançon, Francujo.
290. F-ino S. Howald, Villette-les-Arbois, Francujo.
291. F-ino M. Astley, Birmingham, Britujo.
292. F-ino R. E. Crouch, Bromley, Britujo.
293. S-ino, C. I. Doggrell, Bromley, Britujo.
294. F-ino C. Foster, Buckhaven, Britujo.
295. F-ino J. Hodges, Birmingham, Britujo.
296. S-ino C. A. Lawton, Hyde, Britujo.
297. W. P. Merrick, Shepperton, Britujo.
298. S-ino M. C. Merrick, Shepperton, Britujo.
299. S-ino A. Morse, Letchworth, Britujo.
300. F-ino V. C. Nixon, Birmingham, Britujo.
301. F-ino E. Norman, Birmingham, Britujo.
302. S-ino I. Pritchard, Leeds, Britujo.
303. F-ino D. M. Silk, Birmingham, Britujo.
304. J. Smith, Glasgow, Britujo.
305. S-ino A. F. Smith, Glasgow, Britujo.
306. F-ino E. M. Wheatley, Birmingham, Britujo.
307. J. F. Yeomans, Barrow-in-Furness, Britujo.
308. S-ino E. Yeomans, Barrow-in-Furness, Brit.
309. H. Blakey, Leeds, Britujo.
310. S-ino H. Blakey, Leeds, Britujo.
311. R. W. Rayner, London, Britujo.
312. S-ino E. M. Rayner, London, Britujo.
313. A. Clavenna, Genova-Sampierdarena, Italujo.
314. A. Zago, Villafranca, Italujo.
315. S-ino I. Guzzi Arnaboldi, Milano, Italujo.
316. Ing. J. J. Pot, Slikkerveer, Nederlando.
317. F-ino H. M. Pot, Alkmaar, Nederlando.
318. W. Baaten, Utrecht, Nederlando.
319. F-ino C. v. d. Water, Bladel, Nederlando.
320. F-ino A. Bosscher, Hilversum, Nederlando.
321. F-ino M. de Jong, Rotterdam, Nederlando.
322. F-ino A. A. Drent, Leeuwarden, Nederlando.
323. A. van Tolédo, Arnhem, Nederlando.
324. S-ino J. C. van Tolédo de Die, Arnhem, Nederlando.
325. F-ino F. J. Eldering, Scheveningen, Nederl.
326. S-ino A. Willeumier-Vogel, Den Haag, Nederlando.
327. F-ino E. Kask, Jöhvi, Estonio.
328. F-ino H. Osvelt, Jöhvi, Estonio.
329. J. H. Murray, Dearborn, Usono.
330. V. Borgqvist, Köbenhavn, Danujo.
331. F-ino J. B. Seckel, Almelo, Nederlando.
332. Prof. Perrotin, Grenoble, Francujo.
333. Prof. H. Boucon, Annecy, Francujo.
334. F-ino L. Schaerer, Zürich, Svislando.
335. C. Rousseau, Bécon-les-Bruyères, Francujo.
336. S-ino M. Jeangirard, Paris, Francujo.
337. F-ino G. Faucher, Paris, Francujo.
338. C. Le Seach, Quimper, Francujo.
339. F-ino H. Preste, Domont, Francujo.
340. M. Mendlewicz, Lens, Francujo.
341. S-ino P. Mendlewicz, Lens, Francujo.
342. H. Riedle, Zürich, Svislando.
343. E. Campanile, Napoli, Italujo.
344. G. Ferraris, Cristo, Italujo.
345. L. Minnaja, Roma, Italujo.
346. A. Lodema, Antwerpen, Belgujo.
347. G. Vermandere, Antwerpen, Belgujo.
348. K. J. Young, Coleshill, Britujo.
349. A. Alofs, St. Lambrechts Woluwe, Belgujo.
350. J. Alofs, St. Lambrechts Woluwe, Belgujo.
351. S-ino S. Alofs-Weber, St. Lambrechts Woluwe, Belgujo.
352. H. Nilsson, Malmö, Svedujo.
353. S-ino M. Thoraeus, Skillingaryd, Svedujo.
354. F-ino S. Andersson, Vrena, Svedujo.
355. T. Halleström, Vingaker, Svedujo.
356. F-ino G. Mellberg, Amal, Svedujo.
357. F-ino E. Lindholm, Bräcke, Svedujo.
358. O. Olsson, Höör, Svedujo.
359. Rezervita.
360. F-ino E. Zandrén, Valskog, Svedujo.
361. F-ino S. Nordling, Harnäs, Svedujo.
362. S-ino H. Larsén, Hotagen, Svedujo.
363. F-ino M. Beaumont, Huddersfield, Britujo.
364. F-ino E. F. Boocock, Bradford, Britujo.
365. F-ino S. H. Boocock, Bradford, Britujo.
366. G. J. Bury, Liverpool, Britujo.
367. S-ino G. Bury, Liverpool, Britujo.
368. F-ino C. B. Campbell, Glasgow, Britujo.
369. W. A. Cather, Torquay, Britujo.
370. F-ino P. M. G. Chaundy, Oxford, Britujo.
371. F-ino E. G. R. Chaundy, Oxford, Britujo.
372. F-ino B. M. Chipperfield, London, Britujo.
373. W. Chitty, Dover, Britujo.
374. C. P. Cocks, Croydon, Britujo.
375. F-ino H. Crossley, Preston, Britujo.
376. S-ino S. A. Grimmitt, London, Britujo.
377. V. Grimmitt, London, Britujo.
378. H. C. Groen, Ilford, Britujo.
379. F-ino M. C. Groen, Ilford, Britujo.
380. S-ino N. R. Harrison, Bradford, Britujo.
381. W. B. Harrison, Bradford, Britujo.
382. F-ino T. Hewes, Leicester, Britujo.
383. G. T. S. Hinton, Chenies, Britujo.
384. F-ino G. Houldsworth, Fleetwood, Britujo.
385. R. A. M. Kearney, London, Britujo.
386. F-ino H. Lawton, Huddersfield, Britujo.
387. B. P. Megahy, Preston, Britujo.
388. S-ino S. Megahy, Preston, Britujo.
389. S-ino B. Meredith, Birmingham, Britujo.
390. F-ino F. W. McAuslan, London, Britujo.
391. F-ino N. Miles, Fleetwood, Britujo.
392. F-ino S. I. North, Birmingham, Britujo.
393. F-ino G. E. Parker, Shipley, Britujo.
394. F-ino C. Sawyer, Birmingham, Britujo.
395. F-ino P. M. Strapps, Ilford, Britujo.
396. Esperanto-Societo, Ilford, Britujo.
397. F-ino E. M. Tranter, Birmingham, Britujo.
398. M. Verraes, Newcastle upon Tyne, Britujo.
399. F-ino A. Waite, Birmingham, Britujo.
400. R. B. Wilkinson, London, Britujo.
401. F-ino I. Williams, Eastbourne, Britujo.

Resumo: Belgujo 16, Brazilo 1, Britujo 155, Bulgarujo 1, Ĉeĥoslovakio 4, Danujo 4, Estonio 10, Finnlando 3, Francujo 55, Hispanujo 1, Japanujo 1, Italujo 9, Jugoslavujo 1, Nederlando 33, Norvegujo 11, Polujo 3, Svedujo 20, Svislando 55, Usono 2, rezervitaj 6.

Entute 391 aliĝoj el 19 landoj.



Presita in Svislando.